

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Kongresa numero Jaro 7 N-ro 3 (26) septembro de 2008

NOVAĴO

**La 5-a Kunveno finiĝis en interŝanĝoj**

Ĵaŭde, la 24-an de julio, 13:30-14:30, en la salono Cseh okazis la 5-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj en harmonia kaj festa estoso konstruita de la 93-a UK kun speciala signifo: la 100-a jara jubileo de UEA, kaj kun amaso da partoprenintoj: 1845 el 73 landoj, kaj kun temo: lingvoj, trezoro de la homaro.

La kunvenon ĉeestis ĉirkaŭ 30 kongresanoj. S-ro Peter ZILVAR el Herzberg (Esperanto-urbo) en Germanio faris raporton pri ĝemelurbo en Pollando kaj Esperanto-disvastiĝo en la familio tra la lernantoj montrante videobildon, ankaŭ sperton en tiu urbo aldonis s-ino Maritza GUTIERREZ GONZALEZ el Kubo, eksa funkciulino de la projekto, en sia parolado.

S-ro Peter TIHANYIEL el Tatabanya en Hungario diris, ke li havis sportan renkontiĝon kun germana urbo. Gerhard HIRSCHMANN el Magdeburg en Germanio prezentis vojaĝon de la urbaj esperantistoj al la pollanda urbo Radom kaj renkontis la urbestron.

S-ro Anglo Ivanov MAGLOV el Veliko Tarnovo en Bulgario menciis, ke lia loĝurbo ĝemeliĝis kun urboj en Francio, Hungario kaj Nederlando.

S-ino Marjet H. ERASMUS-VAN ZAD el Hoffel Voorburg en Nederlando rakontis, ke antaŭ 10 jaroj ŝia urbo komencis havi ĝemelan rilaton kun ĉeĥa urbo kaj okaze de la 10-jariĝo oni planis interloĝigi lernantojn en ambaŭ urboj. Lernantoj uzas la samajn Zagreb-metodajn lernolibrojn. Tio estas tre utila.

S-ro Georges SOSSOIS el Charleroi en Belgio diris, ke li iris al la japana urbo Himeĵi kaj renkontis s-ron MINE Yositaka. Ili interŝanĝis bildojn de la lernantoj.

S-ro Detlef HAUSSNER el Darmstadt en Germanio prezentis, ke ĉiun jaron esperantistoj inter tri urboj renkontiĝas.

S-ro Claude LONGUE-ÉPÉE el Bersee en Francio diris "La franca urbo Lille kaj Roterdamo estas ĝemelaj urboj, sed mi tute ne sciis tion. UEA peru tiun fakton al la urbestro de Roterdamo."

S-ro Pieter ENGWIRDA el Wijchen en Nederlando ankoraŭfoje emfazis siajn ideojn, t.e. (1) krei retpaĝon pri Ĝemelaj Urboj en la UEA retpaĝaro. En tiu ĉi retpaĝo oni unue ekspliku la ideon de Ĝemelaj urboj en UEA. Ankaŭ oni metu la listojn de ĉiuj Ĝemelaj Urboj en tiun paĝon. Mi sugestas ke oni povus indiki Ĝemelajn Urbojn en la parto Landa Agado de la UEA retpaĝaro, kaj povos meti ĉiujn demandojn kaj respondojn kiuj nun estas menciitaj en la retleteroj de sinjoro Wu. (2) En la retpaĝo de ĉiuj landaj asocioj oni devos krei sekcion pri ĝemelaj urboj kaj meti la liston de ĉiuj urboj, kiuj estas ĝemelita(j) kun eksterlanda(j) urbo(j), kaj indiki ĉu estas kontaktoj inter Esperantistoj en la du urboj. Tio povus doni ideojn al esperantistoj en ĝemelitaj urboj, kiuj aliĝis tiu ĉi paĝo, serĉi Esperatajn kontaktojn en la eksterlanda urbo ktp. Oni povus komenci meti la jam ekzistajn Esperantajn ĝemeliĝojn.

Ankaŭ s-ro Denis KEEFE el Usono faris paroladojn.

S-ro HORI Yasuo, funkciulo de la prejekto kaj UEA-estrarano, prezidis la kunvenon kaj en ĝi proponis, ke la ĉeestantoj pripensu kiamaniere oni povu aranĝi ĝemeliĝon. Kaj Renato CORSETTI, iama funkciulo de la projekto, persone partoprenis. La kunveno ankaŭ dankas s-ron Clay MAGALHÃES, kongresa sekretario de UEA, pro sia anticipa aranĝo de la ĉambro. --- El raportoj de Hori Yasuo kaj Pieter Engwirda

**La respondo el vic-urbestrino de Lille**

[La 18-an de aŭgusto s-ro Claude LONGUE-ÉPÉE ricevis respondon de la urbestraro de Lille, ĝemelurbo de

Roterdamo. Ĝi estas skribita de aŭgusto. La respondo estis skribita de s-ino Martine FILLEUL, vicurbestrino pri turismo, internaciaj rilatoj kaj ĝemeliĝoj, kaj eŭropaj aferoj. Mi tradukas ĝin ĉi-sube. --- Catherine BOEN]

*Sinjoro,*

*Mi dankas vin pro la informoj pri la laboroj de la Nordfrancia Esperanto-Federacio. Ĝojigas min ke dum via partopreno al la 93-a Universala Kongreso de Esperanto vi povis renkonti Roterdaman magistrataninon kun la sama intereso pri Esperanto.*

*Mi kuraĝigas vin atente sekvi kaj aktive partopreni la estontajn priĝemeliĝajn agadojn de nia urbo.*

*Mi petas vin akcepti la esprimon de mia profunda estimo.*

*Martine Filleul*

**La letero de la komisiito al urbestro de Roterdamo**

[En junio la komisiito skribis leteron al la urbestro de Roterdamo, kaj poŝte sendis ĝin al s-ro Osmo BULLER, kaj petas lin transsendi ĝin al la urbodomo de Roterdamo. Jen estas tiu letero. --- la komisiito]

Estimata sinjoro urbestro de Roterdamo,

Mi unue esprimas mian koran omaĝon al vi kaj civitanoj de Roterdamo.

Kiel vi jam scias la 93-a Universala Kongreso de Esperanto (UK) okazos en Roterdamo, urbo kun longa historio. Ĉar la kuranta jaro estas la 100-a jara jubileo de Universala Esperanto-Asocio (UEA), ĉi-jara UK havos specialan signifon, ĝi ne nur estos internacia manifestacio de la esperantistaro, sed ankaŭ estos granda festo de la 100-jara UEA.

En 2002 UEA kiel unu el la laboroj starigis la projekton "Ĝemelaj Urboj" kun celoj: disvastigi kaj apliki Esperanton fortigi kunlaboron de ĝemelurboj kaj akceli ĝemeliĝon inter urboj. Ekde 2004 UEA aranĝas kunvenon de Ĝemelaj Urboj dum UK. El informoj kolektitaj mi bone scias, ke Roterdamo havis rimarkindajn atingojn en eksteraj rilatoj. Ĝi havas 13 ĝemelajn urbojn, 12 partnerajn urbojn kaj 4 ĝemelajn havenojn en la mondo. Mi skribas tiun ĉi leteron kaj petas la Centran Oficejon de UEA transdoni ĝin al vi, por ke mi diru al vi fakton, ke tio pliriĉigos tiun ĉi kongreson se vi povas havi tian konsideron: informi pri la Roterdama UK la estrojn de la supremenciitaj urboj urboj kaj instigi tieajn esperantistojn al la kongreso.

Mi plezure informas vin, ke ankaŭ laŭdate okazos la 5-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la Roterdama UK. Mi sincere kaj kore invitas vin aŭ vian delegiton partopreni en ĝi. Plue tio estos granda kuraĝigo al la esperantistaro kaj forta subteno al la projekto "Ĝemelaj Urboj" se vi aŭ via delegito povas trovi tempon akcepti esperantistojn el ĝemelurboj de Roterdamo.

Mi bondeziras al vi sanon kaj feliĉon, kaj al la granda Roterdamo gvidata de vi pliprosperon kaj pliprogreson.

**La letero de Claude LONGUE-ÉPÉE al la urbestro de Lille**

[Al la atento de la ofico taskita pri la Internaciaj rilatoj kaj la "Interurbaj Ĝemeliĝoj". Universala Kongreso de Esperanto en Roterdamo]

Sinjoro Urbestro,

Vi bonvolis akcepti en via urbo la Mondan Kongreson organizitan de la 19-a ĝis la 26-a de julio ĉi-jara far la Universala Esperanto Asocio (UEA).

La manifestacio samtempos kun la centjariĝo de la kreo de tiu asocio UEA , kiu kunigas kaj reprezentas la esperantistojn de la mondo.

Ni estas kelkaj francaj geesperantistoj de Lille kaj de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, kiuj partoprenos tiun tutmondan kongreson.

Ni tiuokaze estas feliĉaj kaj fieraj esti gastigotaj de via urbo. Ĉi tiu estas ja ĝemeliĝinta kun nia urbo Lille. Sed ĉefe ĝi rajtas fieri pro sia longa kaj riĉa historio ekde sia fondo je la 13-a jarcento, kaj ankaŭ pro siaj intimaj ligiloj kun 13 ĝemelaj urboj, 12 partneraj urboj kaj 4 ĝemelaj havenoj.

La ideo pri interurba ĝemeliĝo - pri komunikado, pri rilatado, pri kontaktado de naskita inter la urboj kaj la

homoj – estas tre proksima al la humanismaj principoj de la lingvo esperanto kaj de la esperantistoj en ilia serĉado al interkompreniĝo kaj al paco inter la homoj, la ŝtatoj kaj la popoloj.

Dum nia baldaŭa kongreso, tiuj ideoj – kaj la rimedoj por prosperigi ilin – estos denove pristudataj.

Same estos ekzamenata la avantaĝo de iu oficialigo de Esperanto en la instruadaj sistemoj de la ŝtatoj kaj de iu agnosko pri ĝiaj pruvitaj propedeŭtikecoj por ŝatigi kaj faciligi la studon de fremdaj lingvoj kaj tiel favori aŭtentikan plurlingvecon, ne devojigitan al iu hegemonia nacia lingvo.

Ni dankegas al vi pro via akcepto de la tutmondaj esperantistoj kaj pro la tiela brilega elmontro de via atento kaj de via interesiĝo al iliaj valoroj kaj al iliaj celoj.

Ni petas vin, Sinjoro Urbestro, akcepti niajn respektplenajn sentojn.

**La letero de la komisiito al vic-urbestrino de Lille**

**[**Informiĝinte, ke sinjorino Martine Filleul, vic-urbestrino de Lille, faris respondon al la letero de Claude Longue-Epee, la komisiito en septembro speciale skribis leteron kaj petis lin transsendi ĝin al ŝi**]**

Kara vic-urbestrino de Lille sinjorino Martine Filleul,

Kun granda plezuro mi legis vian respondon al la letero de s-ro Claude Longue-Epee pri la 93-a UK kun la 100-a jara jubileo de UEA kaj pri ĝemelaj urboj. Mi alte taksas vian faron, ĉar tio ne nur estas granda inspiro al la loka Esperanto-movado, sed ankaŭ granda subteno al la agado "Ĝemelaj Urboj". Kiel komisiito de la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA (Universala Esperanto-Asocio) mi esprimas saluton kaj respektan dankon al vi.

Vizitinte retpaĝaron mi scias, ke Lille estas la kvara plej granda urbo kaj okupas gravan lokon en Francio. Lille estas antikva, ĉar ĝia historio etendiĝas ĝis a.K 2000. Lille estas bela, ĉar ĝi allogas tiom da vojaĝantojn en_kaj ekster_landajn tra jaro. Lille estas internacia, ĝi jam ĝemeliĝis kun 14 urboj en 13 landoj.

Kiel vi scias Esperanto, internacia lingvo, jam havas 120 jarojn, ĝia monda organizaĵo UEA ĵus festis sian 100-jaran jubileon dum la 93-a Universala Kongreso de Esperanto okazita en Roterdamo, la urbo de sia sidejo. Unu el la celoj de UEA estas agadi por la solvo de la lingvo en internaciaj rilatoj kaj faciligi la internacian komunikadon. La projekto Ĝemelaj Urboj estas signifa praktikado por tiu celo. En Lillo kaj ties najbara urbo Villeneuve-d'Ascq estas aktiva Esperanto-grupo nomita *Lille-Villeneuve-Esperanto*. Ĝi kaj ĝiaj esperantistoj faris multajn laborojn, ekz. fari tradukon en Esperanton de la retejo pri la urbo Lille, mi ja scias pri via urbo pere de ĝi.

Vi skribis tiel: "Mi kuraĝigas vin atente sekvi kaj aktive partopreni la estontajn priĝemeliĝajn agadojn de nia urbo". Tio ĉi estas granda kuraĝigo al la lokaj esperantistoj, ankaŭ elkora espero al la projekto Ĝemelaj Urboj. Mi racie kredas, ke Esperanto kiel pontlingvo ludos gravan rolon en komunikado inter Lille kaj ĝiaj ĝemelurboj, kaj en novaj ĝemeliĝaj agadoj de Lille.

Mi bondeziras feliĉon kaj sanon al vi, kaj plian progreson kaj prosperiĝon al la urbo Lille. Transdiru mian koran saluton al la urbestrino s-ino Martine Aubry.

**Du anoncoj de la komisiito**

1. **pri la 5-a kunveno**

Estimataj kongresanoj,

La 93-a UK okazos post semajno. Mi ĝoje informas vin pri tio, ke ankaŭ okazos la 5-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj dum la kongreso.

Sufiĉe konsiderante proponon de kelkaj samideanoj, ke kunveno devas fali je diskuto kaj interŝanĝo de spertoj. Mi donas al ĉi-jara kunveno du temojn: Kiel akceli la projekto "Ĝemelaj Urboj"? Kiel ĝemeligi urbojn per Esperanto?

Kvankam mi ne povas ĉeesti la Roterdaman UK kaj aperigi min en la kunveno, tamen mi kore esperas, ke vi aktive partoprenu en la kunveno se vi aliĝis al la kongreso, ĉar ni bezonas vian partoprenon por progresigi la projekton "Ĝemelaj Urboj", ĉar ni bezonas viajn sugestojn kaj proponojn por plibonigi niajn laborojn.

S-ro Hori Yasuo, estrarano de UEA, prezidos tiun ĉi kunvenon, s-ro Renato Corsetti kaj s-ino Maritza Gutierrez Gonzalez, eksaj funkciuloj de la projekto, kune kun vi diskutos pri evoluo de la projekto, tamen ankaŭ s-ro Probal Dasgupto kaj s-ro Osmo Buller per malsamaj manieroj priatentos ĝin kvankam ili probable ne povos veni pro okupiteco dum la kongreso, ĉar ili jam aktive klopodis por ĝia sukcesa okazo, ekz. aldoni esperantistojn el ĝemelurboj de Roterdamo al tiuj, kiuj ricevos invitilojn al la programero "Akcepto de Urbestro".

Estimataj kongresanoj, Roterdamo atendas vin, Kunveno de Ĝemelaj Urboj atendas vin.

Kun koraj salutoj al vi, kongresanoj de la 93-a UK.

2. **Al esperantistoj en ĝemelaj urboj de Roterdamo**

Estimataj,

Kiel vi bone scias la 93-a UK okazos en la venonta monato en Roterdamo. Ĉi-jara UK havas specialan signifon, ĉar ghi estos festo-kongreso por la 100-jara jubileo de UEA.

Roterdam ne nur estas sidejo de UEA, sed ankaŭ estas urbo kun longa historio kaj rimarkindaj eksteraj rilatoj. Ĝi fondiĝis en la meza 13-a jarcento kaj havas 13 **ĝemelajn urbojn:** Köln (Germanio), Esch-sur-Alzette (Luksemburgio), Lille (Francio), Torino (Italio), Luik (Belgio), Burgas (Bulgario), Constanta (Rumanio), Gdansk (Pollando), Shanghai (Chinio), Havana (Kubo), Sankt Peterburg (Rusio), Baltimore (USA) kaj Dresden (Germanio), kaj 12 **partnerajn urbojn**: Kingston upon Hull (Britio), Antwerpen (Belgio), Basel (Svislando), Oslo (Norvegio), Duisburg (Germanio), Nürnberg (Germanio), Jakarta (Indonesio), Osaka (Japanio), Budapest (Hungario), Bratislava (Slovakio), Durban (Suda Afriko) kaj Praha (Ĉeĥio), kaj 4 **ĝemelajn havenojn**: Kobe (Japanio), Seattle (Usono), Busan (Koreio) kaj Tokyo (Japanio).

Mi trovas vin en Jarlibro kaj skribas al vi por atentigi vin, ke vi estas esperantistoj kiuj vivas kaj loĝas en urboj rilataj al Roterdamo. Mi pensas, ke tio estos signifa donacaĵo kaj festo al la 100-jara UEA se vi povus konsideri sendon de gratulletero aŭ gratulmesaĝo al kongresurbo en la nomoj de esperantistoj de ĝemelurboj aŭ de partneraj urboj aŭ de ĝemelaj havenoj. Certas, ke tio estos pligranda kontribuo al la 93-a UK se vi havus pluan konsideron: Informi viajn urbestrojn pri la 93-a UK en Roterdamo kaj la 100-jara UEA kaj ĉiurimede konvinki ilin sendi gratulajn leterojn al urbestro de Roterdamo pro tiuj gravaj okazoj.

Mi kore dankas vin se vi preparos vin por tio, certe mi tute komprenas vin se vi ne reagas al mia mesaĝo.

Parenteze mi informas vin pri tio, ke la 5-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazos dum la Roterdama UK. S-ro Hori Yasuo jam mendis ĉambron por ĝi kaj prezidos ĝin, ankaŭ s-ro Renato Corsetti kaj s-ino Maritza Gutierrez, eks-funkciuloj de la projekto "Ĝemelaj Urboj", persone ĉeestos ĝin. Mi bonvenigas vin partopreni ĉi-kunvenon se vi jam aliĝis al la 93-a UK.

**Ĝemelaj urboj, unu el favoraj kondiĉoj al/por Esperanto**

En la aperintaj artikoloj kaj komentoj pri la okazintaĵoj de UK s-ro MOLNAR Laszlo el Hungario donis siajn vidpunktojn, i.a. kreskado de ĝemelaj urboj estas unu el kvin favoraj kondiĉoj al/por Esperanto pripensitaj. --- El la retpaĝo http://www.liberafolio.org/2008/roterdamo4/

URBA STILO KAJ TRAJTO

**Jara raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2007**

1. Funkciuloj de la projekto

Post la 92-a UK en Jokohamo la funkciuloj havis novan konsiston: s-ro Probal DASGUPTA, s-ro HORI Yasuo, s-ro Osmo BULLER kaj s-ro WU Guojiang. Tamen oni ne forgesis farojn de s-ro Renato CORSETTI kaj s-ino Maritza GUTIERREZ GONZALEZ en 2007. Kvankam ili estis elirintaj el la estraro de UEA, tamen ili bone plenumis siajn funkciojn en la laboroj de la projekto, trakti kaj peri informojn, unuafoje aperigi resumon de la projekto en Jara raporto de la estraro de UEA per klara temo, persone partopreni kaj fari paroladojn en la 4-a kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj tiel plu. S-ro Probal Dasgupta kaj s-ro Hori Yasuo tuj esprimis siajn tutfortan

subtenon al la projekto post kiam ili eniris en la Estraron de UEA. S-ro Osmo Buller ne nur cenzuris la retan bultenon *Informilo de Ĝemelaj Urboj*, sed ankaŭ donis siajn bonajn opiniojn kaj kune kun s-ro Probal Dasgupta traktis peton el samideanoj en Angolo pri ĝiaj paperaj ekzempleroj. Rezulte el ilia penado sekvas bona novaĵo, t.e. **laŭ peto la Centra Oficejo volonte sendas paperan ekzempleron al tiuj, kiuj ne povas legi en reto. La petoj estu direktitaj al** <sekretario@co.uea.org>**.**

Krom redaktado de *Informilo de Ĝemelaj Urboj* la komisiito speciale verkis por kontinueco kaj efikeco de la laboroj historieton pri la projekto (2002-2007) kaj sendis ĝin al la eksaj kaj nunaj funkciuloj.

Profitinte de invit-projekto de Japana Esperanto-Instituto la komisiito estis honore elektita kiel unu el 23 invititoj por la 92-a UK okazinta en Jokohamo kaj dum postkongresa vizito varme akceptita de Esperanto-Societo en Takatsuki kaj Takatsuki Internacia Asocio en la urbodomo. Tio estas kaj aprobo kaj kuraĝigo al la komisiito, kaj subtenon kaj antaŭpuŝo al la laboroj de UEA.

2. Laborplano de la projekto

113 esperantistoj el 41 landoj aktive ĵetis sin en la projekton per diskutoj, proponoj, opinioj kaj raportoj en 2007. S-ro Robert BOGENSCHNEIDER el Germanio daŭre aperigis la butenon *Informilo de Ĝemelaj Urbo* en retejoj: http://aliaflanko.de/gxemelurboj.php kaj http://www.gazetejo.org, kaj prenis multe da tempo ĉapeligi la antaŭajn numerojn kies ĉapeligitaj literoj aperis en “x” kaj “h”, kaj prilaboris ĉiun numeron en PDF-dosieron post korektado de tajperaroj. CDELI (centro de Dokumentado kaj Esploro pri Lingvo Internacia) en la biblioteko de la svisa urbo La Chaux-de-Fonds kolektas nur paperajn eldonaĵojn, sed ankaŭ printas la retajn revuojn kaj arkivas ilin por kelkaj signifaj titoloj. Danke al faro de s-ro Claude GACONDE ĉiu numero de *Informilo de Ĝemelaj Urbo* honore ĝuis tian trakton ekde 2007. S-ino Ana Maria MOLERA el Hispanio enlistigis tiun bultenon en interneto de biblioteko de Moiá http://www.elmoianes.net.

La komisiito regule ricevis la paperajn eldonaĵojn: “Esperanto en Azio” (KAEM), “Vekilo” (Finnlando), “Bazaro” (Rumanio), “Verda Spiko” (Ĉinio), “Mikrofone” de Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia kaj “Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio” (Ĉinio), kaj la retajn: “Informletero de Vinilkosmo” (Francio) kaj “Verda Informilo” (Germanio), “Konsciu” kaj “KomACE” (Kongo), “Nordhungaria Informo” (Hungario), “La Solidareco” (Koreio) kaj “Verda Pekino” redaktita de s-ro YE Nianxian en Ĉinio, kaj ekde tiu jaro la komisiito ankaŭ regule legis la ĉinan paperan periodaĵon “Tra Mondo” nove eldonitan de s-ro WEI Shan. Krome lin atingis la paperaj ekzemploj “Esperanto en Afriko” transsendita de UEA, bulteno de la Afrika Oficejo de UEA, kaj la retaj “Komunikoj” el Brazilo kaj “Beograda Verda Stelo” el Serbio.

3. Atingoj

Pli ol 40 kongresanoj de la 92-a UK kolektiĝis en la salono Yamazoe por la 4-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj.

S-ro Renato Corsetti, unu el la fondintoj de la projekto “Ĝemelaj Urboj”, speciale verkis artikolon por la reta revueto *Informilo de Ĝemelaj Urboj.* En ĝi li emfazis, ke trovi siajn ĝemelajn urbojn kaj vigligi la kontaktojn kun la lokaj esperantistoj kaj pere de ili kun la nesperantista kuncivitanaro certe estas vojo al akirado de presitĝo por Esperanto, kaj laŭ invito de la Interkultura Centro Herzberg (ICH) vizitis Herzberg am Harz, la Esperanto-urbon, kiu prenas Esperanton kiel pontlingvon en la pola ĝemelurbo Gora.

Esperantistoj kaj du societoj - Esperantosocieto Antaŭen de Tampere (Finnlando) kaj Tartu Esperanto Selts (Estonio) - aktive reagis al peto de la du urboj pri memoraĵoj por 15-jariĝo de ĝemeliĝo inter ili.

Germanaj esperantistoj el Forchheim en Germanio faris 5-tagan viziton al la rumana ĝemelurbo Gherla kaj sufiĉe ĝuis amikecan akcepton de tieaj samideanoj.

Beograda Esperanto societo “Radomir Klajic“ (Serbio) kaj Esperanto-societo de Chicago antaŭ nelonge establis ligon por plibonigi lernadon de la internacia lingvo kaj amikajn kontaktojn de esperantistoj post kiam la du urboj ĝemeliĝis en la 7-a de junio 2006 kaj en 2007 aktive realigis kunlaboron pri interŝanĝoj de informoj kaj partopreno en interurba kunlaboro.

Dum festo de la centa jubileo de la unua Esperanto-Societo de Kroatio, Adriatika Ligo Esperantista, fondita en Rijeka en 1907, la urbestro persone dankis al la societo, kiu helpis konstrui multlingvecon de de tiu ĉi urbo. Saluto el la japana ĝemelurbo Kawasaki aperis en la ricevitaj gratuloj.

Ĝuinte agrablecon kaj konvenecon portitajn de Esperanto dum vizito al ĝemelurboj Fürth en Germanio kaj Pilseno en Ĉeĥio, s-ro Pjer Buvje, prezidanto de *Espéranto Limousin*, la Esperanto-societo de la franca regiono Limousin, proponis por plividigi Esperanto-projekton pri traduko de la retpaĝaro de respektivaj urboj en Esperanto kaj en ĉiu el la lingvoj de ĝemelaj urboj, kaj tiu projekto estas praktikanta.

Oni laŭdis la junan Esperanto-Klubon en la Belga urbo Ottignies-Louvain-la-Neuve pro komunika kapablo de Esperanto en akcepto de la vojaĝantoj el sia hungara ĝemelurbo Veszprem.

4. La ekzistantaj problemoj

La komisiito entute respondis kaj traktis 23 proponojn aŭ problemojn sub kunlaboro kaj helpo de aliaj eksaj kaj novaj funkciuloj. Ili ĉefe koncentriĝis je kvin flankoj.

(1)tempo, formo kaj enhavo pri Kunveno de Ĝemelaj Urboj

Ni jam akceptis proponojn el kelkaj samideanoj, ĉi-jara kunveno okazis en diskutato kaj interŝanĝoj de spertoj. La tempo de la kunveno dependas de ĝia enhavo kaj kvalito. UEA konsideros longigon de tempo se  eble.

(2)peto pri papera *Informilo de Ĝemelaj Urboj*

La konsidero kaj penado de niaj funkciuloj s-ro Probal Dasgupta kaj s-ro Osmo Buller jam solvis tiun urĝan peton kaj bezonon

(3)ĝemeliĝo inter urboj per Esperanto

Tio estas unu el la celoj de la projekto. Ni ĉiam atendas kaj vidas fruan alvenon de tiaj ekzempleroj. Nun rilata provo estas aktive faranta inter Burundio kaj la provinco Liaoning, Ĉinio

(4)neĝustatempa ricevado kaj legado de *Informilo de Ĝemelaj Urboj*

Kiel ĉiu renkontas, kompreneble ofte okazas tio, ke nemultaj retadresoj iam ne akceptas la redaktoron. Iam okazis tio, ke la komputilo pruvas "sukcesan elsendon" de la redaktoro, sed la ricevantoj diris "Ne".

(5)evoluo de la projekto

Ĉiurimede realigante la celojn de la projekto oni devas aktive konsideri la estontan rolon de la projekto por kontakto kaj kunlaboro inter UEA kaj neesperantistaj organizaĵoj, kaj inter lokaj Esperanto-organizaĵoj kaj registaroj.

5. Proponoj al la laboroj en 2008

(1) prove starigi sukcesan ekzempleron por ĝemeliĝo inter urboj per Esperanto.

(2) maksimume riĉigi informo-stokon pri ĝemelaj urboj kaj iliaj Esperanto-organizaĵoj.

(3) fari enketon inter esperantistoj malgraŭ tio estas malfacile.

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Akcepto de urbodomo

En la sama tago de la kunveno de Ĝemelaj Urboj vespere pli ol 200 kongresanoj estas invititaj al la programero "Akcepto de Urbodomo" kaj akceptitaj de s-ino Jantine KRIENS, vic-urbestrino de Roterdamo. Danke al rapida konsidero kaj aktiva aranĝo de la du funkciuloj de la projekto s-ro Probal DASGUPTA kaj s-ro Osmo BULLER al propono de la komisiito, s-ino Kajte BOEN kaj s-ro Claude LONGUE-ÉPÉE el la franca ĝemelurbo de Roterdamo Lille partoprenis en ĝi kaj aŭskultis de s-rino Jantine Kriens la fluan Esperantan parodalon pri kiel en 2009 Rotterdam estos Eŭropa Ĉefurbo por junularo kaj kial en urbo kun etne tiom varia loĝantaro oni forte sentas la lingvan problemon. Probal Dasgupta, UEA-prezidanto, persone ĉeestis kaj salutis la urbodomon de Roterdamo kaj ĉeestantojn. Sekve la paroladon faris s-ro Aleksander SOSNA, vic-urbestro de Bjalistoko, naskiĝurbo de L. L. Zamenhof en kiu estis speciale aranĝita por la 94-a UK en la venonta jaro kun grava festo: **la 150-a jariĝo de**

**Zamenhof**.

Antaŭ la 93-a UK s-ino Kajte Boen kaj s-ro Claude Longue-Épée reagis la alvokojn de la komisiito en retolistoj, s-ro Claude Longue-Épée speciale skribis al la urbestro de Lille kaj ricevis respondon de vic-urbestrino, s-ro Kajte Boen esperantigis ilin. --- el raportoj de s-ino Kajte Boen kaj n-ro 5 Jubileanto, kongresa kuriero de la 93-a UK.

**Pri Lille**

Lille estas ĉefurbo de la regiono Nord-Pas de Calais en norda Francio. En ĝi Lillo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo loĝas pli ol 1 miliono da homoj. Laŭ legendo, Lillon estus fondinta brava giganto en la jaro 640 p.K., sed unua surpapera apero datiĝas de la 11-a jarcento. Unue memstare flandra, franca, poste hispana, ĝi iĝis definitive franca urbo en 1667 pro anekso al Francio fare de reĝo Ludoviko la 14-a. En la 20-a jarcento Lillo tre suferis pro la du mondmilitoj.

Lillo kun Ĝenovo estis dum la jaro 2004 la *Eŭropa Ĉefurbo pri Kulturo*. Ĝi estis kandidato en 1995 por la Olimpikoj de 2004. Ĝi jam ĝemeliĝis kun Köln (Germanio), Erfurt (Germanio), Esch-sur-Alzette (Luksemburgo), Kharkiv (Ukraino), Leeds (Britio), Liege (Belgio), Nablus (Okcidenta Bordo), Oujda (Moroko), Rotterdam (Nederlando), Safed (Israelo), Saint-Louis (Senegalo), Shanghai (Ĉinio), Torino (Italio) kaj Valladolid (Hispanio).

La Esperanto-klubo *Lille-Villeneuve-Esperanto* havas sian retejon: http://www.lve-esperanto.com. Lille kandidatiĝis en 2001 por organizi la Universalan Kongreson de 2005, tiel memorfestonte la centjariĝon de la unua Kongreso de Esperanto, kiu okazis en 1905 en Bulonjo-ĉe-Maro. --- El la retpaĝo http://eo.wikipedia.org/wiki/Lille

*******************************************************************************

Redaktoro: WU Guojiang / komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn